# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**


Roger 1938

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

**PLENUMITA 05/08/2018 Tricentokdekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon***

**PMEGramatilko* reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro*
** Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj **

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 714,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 401,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 302,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 11,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.



### N.ro 39 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .




Ni ofte menciis, ke ĉe aglutina kunmetado la nova vorto (tablotuko) havas nur unu nocion: “tablotuko” estas unu afero kun unu nocio, kaj konsekvence la nocio povas reprezentati de nur unu vorto, ekzemple “talksu”, kio sendube okazas en kelkaj neeŭropaj lingvoj. Tiu ununocieco okazas en Esperanto nur en aglutinado. Je la alia fino de la gradaro troviĝas la kazo, kie KAJ la ĉefelemento KAJ la komplemento retenas siajn apartajn nociojn, kaj ili do aperas en du partoj: ”La telero sur la tablo”. En la lasta kazo, se la ĉefelemento estas verbo, ĝiaj komplementoj havas la formon de Objekto aŭ de Adjekto, klare per du apartaj nocioj. Sed inter tiuj du ekstremoj la eŭropaj lingvoj, kaj bedaŭrinde ankaŭ Esperanto, kreis kombinaĵojn de vortoj kies rezulta signifo estas ne unu nocio nek du nocioj, sed iomete ambaŭ. Oni sentas ke ĉeestas du signifoj tamen akceptindaj kiel unu nocio. Strange, ĉu ne?

Pli pri tio venontsemajne.
(daŭrigota)

*Marcel Leereveld.*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 4a de Aŭgusto estos la unua Sabato.

Amika Klubo, ĉiuj bonvenaj. *Roger Springer*



# Torquay Esperanto-Ekskurso

Adreso: 86 Alleyne Ave, corner Beach Rd Torquay Vic 3228

RSVP: torquayesperantocoffeeclub@gmail.com

Telefono: +61-3-52612899 John Adams / M: 0409 336 861 Marumi Smith;

Je Dimanĉo la 21a de Oktobro Vidu AE 384on Amike *Marumi Smith*



# Gratulojn al D-ro Dominic Else



kaj al lia juste fiera panjo Nicole. Vidu AE384-on *Vera Payne*



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

*Peter Danzer* **Vidu paĝon 6**



# Multe da pluvo en mia ĝardeno.



**LA AKUZATIVO EN ESPERANTO .**

Praktike Zamenhof faris tri regulojn pri la Akuzativo: Ke la gramatika Objekto ricevas la akuzativon, ke la akuzativo indikas celon de movo, kaj ke oni rajtas ĝin uzi anstataŭ prepozicio, se la senco restas klara. El tiuj reguloj, kaj el aliaj diroj de Zamenhof, ni povas fari kelkajn pliajn konkludojn.

Se akuzativo anstataŭas prepozicion, tiu senescepta regulo signifas ankaŭ, ke prepozicio povas anstataŭi akuzativon.

Ĉar ne ekzistas du malsamaj akuzativoj, la regulo pri prepozicio anstataŭ akuzativo ankaŭ aplikiĝas al la Objekto, nome ke ĝi povas esprimati per prepozicio. La nura prepozicio ebla en tia kazo estas "je". Tio okazas en kelkaj etnaj lingvoj.

Se la akuzativo indikas celon de movo, tio signifas ke tia akuzativo povas anstataŭati de prepozicio indikanta tian celon de movo. Tiu prepozicio estas en Esperanto "al". Sekve la celo de movo indikiĝas AŬ per la prepozicio "al" AŬ per la akuzativo. Do ĉe ĉiuj akuzativoj post prepozicio oni povas uzi "al" antaŭ tia prepozicio, ekz. "Ŝi saltas en la akvon" = "Ŝi saltis al en la akvo".

Ĉiu uzo de la akuzativo estas limigata de la naturo, nome la esprimo devas havi sencon. Oni do ne povas diri "Mi studis dum la jaron". La samo validas por la prepozicioj, kaj oni do ne povas diri "Mi naĝis kontraŭ la nefluanta akvo".

Ĉar la akuzativo povas anstataŭi iun ajn prepozicion, oni tre ofte ne scius, kiun el la prepozicioj ĝi anstataŭas. Konsekvence oni povas uzi la akuzativon en tre limigita kvanto, nome tiam kiam klaras kiun prepozicion ĝi anstataŭas.

Teorie ni ne bezonus uzi iun ajn akuzativon, ĉar la pli precizaj prepozicioj povas indiki ĉiujn nuancojn de signifo. Tio inkluzivas la nebezonan akuzativon por celo de movo, kie oni ĉiam povas uzi "al" kun aŭ sen alia prepozicio. La angla lingvo parte montras tion en siaj "*into, unto,* kaj *onto",* kies neuzataj pliaj estus "*underto, behindto, pastto,* kaj *nexttoto*".

Teorie ni povus uzi la akuzativon ankaŭ anstataŭ la prepozicio "de" indikanta la Objekton de la verba radiko de substantivo, ekz. "La uzado nian lingvon (= ante al nia lingvo) helpas mondpacon" kaj "Mi malŝatas la manĝ(ad)on fiŝojn (= ante fiŝojn)". Ĝis sia morto Zamenhof uzis tiajn esprimojn, sed malmultaj sekvis lin.

Pro la ĉisupro ne mirindas, ke ekzistis Esperantologoj kiuj proponis neniam uzi la akuzativon, kaj aliaj kiuj konsilas uzi pli da akuzativoj por plibeligi sian stilon. Efektive la uzo de la akuzativo aŭ de alternativa prepozicio estas afero de stilo, kun iomete da signifonuanco.

*Marcel Leereveld*

## PLUVEGOJ EN MELBURNO.

Dum la ĵusaj kelkaj semajnoj ni havis en Melburno sufiĉe multe da pluvo, tre bona por la komplete seka tero. En mia ĝardeno nun la supraj kvin centimetroj da tero estas malsekaj, kio bonegas por la malgrandaj plantoj, por la dafodilaj narcisoj, kaj por miaj graminaj tapiŝoj *(lawns),* kiuj lastaj nun regule bezonas tranĉadon. La narcisoj jam floras, kaj kelkaj antaŭe pro anhidrigo (*dehydration*) suferantaj malgrandaj arboj nun ne plu velkas. Sed la grandaj neindiĝenaj kaj indiĝenaj arboj neniel kapablas trovi akvon en la grundo, kvankam plej multaj grandaj arboj en mia ĝardeno trovas akvon en akvofluejoj ĉe la vojo kaj en kelkaj lokoj en la ĝardeno. La akvo de nia kuirejo kaj de niaj lavado kaj duŝo kaj bano kaj de la sepsa cisterno ja fluas tra la ĝardeno. Tion la domoj en aliaj antaŭurboj ne havas. Do oni regule akvumas siajn ĝardenojn dum la vintro. Krome mi havas lageton, kiu malsoifigas la grandajn arbojn ĉirkaŭ ĝi kaj en la ĝardeno de la najbaroj (nur robinioj). Krome antaŭ monato rompiĝis akvotubeto, kiu dum kelkaj semajnoj perdis multege da akvo, kaj tial kostis al mi okcent dolarojn. Mi mem

instalis tiun tubon antaŭ duona jarcento, per uzitaj tuboj, kaj ili do bone funkciis longe.

*Marcel Leereveld*

**ANKORAŬ KAJ JAM KAJ PLU PRI ANKORAŬ KAJ JAM KAJ PLU.**

Ĉar ĵussemajne ni trovis, ke la signifoj de ankoraŭ, jam, kaj plu estas en kelkaj situacioj tre similaj, estas bona rigardi la diferencojn, kelkaj nur iometajn.

1). Mi ankoraŭ manĝas kaj Mi plu manĝas kaj Mi jam manĝas. Ĉe "Mi ankoraŭ manĝas" oni substrekas ke kompleta ago "manĝi" ankoraŭ ne finiĝis. Ĉe "Mi plu manĝas " oni rimarkas ke oni daŭrigas la manĝadon pli longe ol atendite. Ĉe "Mi jam manĝas " oni indikas ke oni manĝas pli frue ol atendite.

2) Mi ne ankoraŭ manĝas kaj Mi ne plu manĝas kaj Mi ne jam manĝas. Ĉe la unua frazo la manĝo tute ne komenciĝis. Ĉe la dua frazo la manĝado simple finiĝis, kvankam verŝajne ne atendite. Ĉe la tria frazo oni indikas ke oni ankoraŭ ne manĝas, sed substrekante la longecon de la nemanĝado.

3). Mi ankoraŭ ne manĝas kaj Mi plu ne manĝas kaj Mi jam ne manĝas. Ĉe la unua oni substrekas ke la manĝado komenciĝas poste.. Ĉe la dua oni substrekas la longecon de la senmanĝa atendado. Ĉe la tria oni substrekas la fruecon de la fino de la manĝado.

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Zamenhof en Vieno



Mia hotelo en Vieno situas apud la centro de tiu historia urbo. Serĉante mian vojon sur mapo, mi ekvidis "Esperanto Parko"- n. Do mi iris tien. Staras statuo de Zamenhof tute apud la muzea kvartalo. Espereble ĝi atentigas la piedpasantojn pri nia malbone konata lingvo kaj allogas scivolemulojn. *Franciska Toubale*







★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby



**Ĉapitro 14 En kiu mi dungatas de la registaro sepa ero**

Maldekstre en la koridoro estas grandegaj malvarmigujoj plenaj de mortintoj. Oni devas certigi, ke la temperaturo estas je konstanta 5°, alie la

kadavroj putros. Oni devis trairi salonojn plenajn de skeletoj. En aliaj salonoj estis ekspoziciataj ĉiuj partoj de la homa korpo. En la kelo mi iun nokton trovis kuvojn plenplenajn de homaj cerboj. Akvo fluis el la krano sur la cerbojn. Mi unue intencis haltigi la akvofluon, sed timis ke la sinjoroj sciencistoj eble bezonas la akvon por teni la cerbojn malvarmaj. Mi do telefonis al mia estro, kiu perlaboris multe pli ol mi sidante sur seĝo en oficejo dum mi devis ĉirkaŭvagi la tutan nokton inter mortintoj. Li diris, ke pli bone estas lasi ĉion, kia ĝi estas, ĉar sciencistoj povas esti homoj tre malfacilaj. Do, mi lasis la aferon, dirante al mi mem, ke jen mi vidis, kio estas cerbolavado. Fakte "cerbolavado" estas en Esperanto "intensa doktrinigo" !

Iam mi devis patroli la Skulptistan Lernejon de Kopenhago. Tio estis iom pli amuza. Estis ĉie en la lernejo figuroj de nudaj homoj, sed tamen, kvankam ili ne vivis, ili ne estis mortintoj. Estis tre interese. Dum la tagoj la studentoj skulptis la figurojn el argilo, kaj tiuj figuroj provis timigi min dum la malhelaj noktoj.

Kelkajn tagojn post kiam mi ekkomencis mian laboron en la skulptista lernejo, mi rimarkis, ke malhela ombro aperas sur la figuroj ĉirkaŭ la puba regiono, kaj brusto de la viraj figuroj. Pli detale ekzamenínte ilin, mi ekvidis ke tio estas kreso, kiun la junuloj semis sur la figuroj dum la argilo estis ankoraŭ malseka. Nun ĝi komencis kreskadi. Proksimume dek tagojn post la semiĝo la kreso eĉ tre impone ornamis ilin ĉiujn. Mi ne plu laboris en malsanulejo, do ne razis ilin !

Mi devas konfesi, ke mi ŝatis preskaŭ ĉiun laboron, kiun mi havis, kvankam kelkfoje mi malamis laboron, ne tiom pro la laboro mem, sed pli pro la sintenoj de tiuj, kiuj devis gvidi la laboron. Tiaj homoj ofte estas nekompetentaj, kaj ŝajnas, ke ili trovas grandan plezuron turmentante kaj humiligante siajn subulojn. *Daŭrigota* *BobFelby*






**1938** Neniuj portis lernejajn vestojn sed eĉ 7-jaraj studentoj portis kravatojn



Aŭstralio celebris siajn 150 jarojn post la alveno de la britoj al Aŭstralio *Roger Springer*









# Esperanto-Tago en Brisbano

Lastan semajnon 14 Esperantistoj kaj 1 vizitanto festis Esperanto-Tagon en la belega Mt. Coot- Tha Botanika Ĝardeno en Brizbano. Ni vidis mirigegan diversecon de la plant-regno; precipe kaktojn kaj la pluvarbaron. Memkompreneble mi ĝuis la "Japanan Ĝardenon." Dum tagmezo ni ĝuis paroladon, amikecon kaj apetitigan manĝaĵon. *Peter Danzer*

